# INTERNACIA FERVOJISTO




ORGANO DE I.F.E.F.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

30a jaro JANUARO-FEBRUARO 1978 N-ro 1



*Romo - La "Capitolina" Lupino.*

*El la Kongres-lando.*

## STARIGO DE INTERPARLAMENTA GRUPO "AMIKOJ DE ESPERANTO"

La 18-an de januaro 1978 je la 16.30 horo, ĉe la Salono de la Senata Komisiono pri Agrikulturo, okazis la fondiĝa kunveno de la "GRUPPO INTERPARLAMENTARE AMICI DELL'ESPERANTO" (Parlamenta Grupo "Amikoj de Esperanto").

La invita cirkulero adresita al ĉiuj deputitoj kaj senatanoj, subskribita de Senatano Alberto Del Nero, ankaŭ en la nomo de kelkaj aliaj parlamentanoj kiuj estigis la bazan komitaton, diras inter alie:

". . . oni antaŭvidas la oportunecon de fondo de Parlamenta Grupo de "Amikoj de Esperanto" por helpi la agadon en la disvastigo de tiu lingvo.

La iniciatintoj opinias ke la lingva problemo estas ĝis nun fonto de malfacilaĵoj en la rilatoj inter la popoloj.

La alpreno de la internacia lingvo Esperanto povus esti valida kontribuaĵo, precipe en Eŭropo, aparte se ĝia instruo povus eniri per la oportunaj metodoj, en la lernejon. . ."

Ni rajtas diri, ke Esperanto faris grandan paŝon sur la vojo de la venko en Italio.

Nun la sekvanta paŝo estas krei eksterlande similajn parlamentajn grupojn (laŭ la ekzemplo donita en Italio fare de la LKK de la 30-a internacia fervojista kongreso de IFEF – kunlabore kun ĉiuj lokaj grupoj de la Itala Esperanto-Federacio) kaj starigi tuj poste la internacian parlamentan grupon.

El tiu rezulto sekvos la venko de Esperanto mondskale.

Alberto Menabene
Germano Gimelli.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO - FEDERACIO
Sekretariejo: E. Kruse, Wienerstr. 121, D-6000 Frankfurt/Main 70 - GERMANIO
Redaktoro: Guy Delaquaize, 52, rue L.-Gandillet, 78420 Carrières/Seine, FRANCIO
Bankkonto: Provinsbanken, konto n-ro 7353-350550 - DK 9800 - Hjørring - DANIO

# LA 30-a IFEF-KONGRESO EN ROMA (ITALIO)

## 13a - 20a de majo 1978.




**Konstanta kongresa adreso:**

30-a Esperanto-Kongreso de IFEF
ĉe Dopolavoro Ferroviario di Roma
Via Bari 22 - I 00161 ROMA.

## KONGRES-INFORMOJ

### KONGRESEJO/LOĜEJO

De la centra stacidomo "Roma Termini", la kongresejo "Domus Pacis" troviĝas en la direkto de la baziliko Sankta Petro je distanco de preskaŭ 3 kilometroj malantaŭ ĝi.
Por atingi ĝin per aŭtobuso de la stacidomo, oni uzu la aŭtobuson 64 ĝis la rivero Tibero (Tevere) (ĉirkaŭ 25 minutojn da vojaĝo laŭ la trafiko).
Oni malsupreniru de la aŭtobuso antaŭ ol transiri la ponton: transirante la straton, oni marŝu maldekstren laŭ la rivero ĉirkaŭ 50 metrojn ĝis la ĉef-haltejo de la aŭtobusoj 98 aŭ 98/ , kiu troviĝas maldekstre en malgranda placo. Tiuj aŭtobusoj haltas ĉe "Domus Pacis" (sonorigu kiam vi legas dekstre, sur la muro, la grandan skribon "Domus Pacis"). La vojaĝo en tiuj aŭtobusoj daŭras preskaŭ 15 minutojn (laŭ la trafiko).
Ĉiu bileto, en ĉiu urba aŭtobuso, kostas por la tuta vojaĝo 100 lirojn. En la aŭtobuso 64 estas biletisto, sed la plej parto de la aŭtobusoj en la aliaj linioj havas biletaparaton, kaj oni devas disponi je unu monero de 100 liroj aŭ du moneroj de 50 liroj por ĉiu bileto.
Kiu atingas Romon per aŭtomobilo, venu laŭ Via Aurelia: ĝi finiĝas en placo (piazza) Carpegna. Oni turnu dekstren en la placo, kaj oni iru antaŭen 100 metrojn ĝis "Via Torre Rossa": oni iru laŭ ĝi ĝis la kongresejo, kiu troviĝas dekstre.
Kiu uzos taksion de la stacidomo ĝis "Domus Pacis" pagos laŭ la nombro de la personoj kaj de la valizoj (kaj depende de la tempo de la vojaĝo laŭ la trafiko) de 2.500 ĝis 4.000 liroj entute. Post noktomezo kaj dimanĉe oni pagas pli altan sumon.
La kongresejo "Domus Pacis", kvankam eklezia propraĵo, estas normala kongresdomo kun granda manĝejo, granda salono kaj salonetoj por komisionaj laboroj. Krome, estas kapelo. En ĉiuj ĉambroj estas la normalaj mantukoj: portendaj estas la duŝtukoj kaj la sapo.
La prezo por la kompleta pensiono en ĝi inkludas kvaronlitron da vino (aŭ duonlitron da mineralakvo) je tagmanĝo kaj vespermanĝo.

### TUTTAGAJ EKSKURSOJ

Pri la tuttagaj ekskursoj oni povas elekti laŭ propraj gusto kaj intereso. La tri samtempaj ekskursoj estos:

a. Etruska ekskurso: Cervéteri, Santa Severa, Santa Marinella Civitavecchia, Tarquinia, Vetralla, Lago di Bracciano, Anguillara. Dum tiu ekskurso norden

de Roma estas vizitendaj: en Cervéteri la fama Etruska Nekropolo; en Civitavecchia la haveno de Traiano nun enŝipiĝo por Sardinio; Tarquinia kiu havas Etruskan originon kaj estis majstro pri civilizacio al Romo; Santa Marinella, banloko ĉe la Tirena marbordo; Vetralla (Provinco Viterbo) estas pitoreska urbeto sur la montetoj; Anguillara situas sur promontoro ĉe la lago Bracciano.

b. Same norden de Romo, vizito al Viterbo, ĉe la piedoj de la montoj "Cimini", origine etruska kaj poste Romia kolonio; Bagnaia kaj Bomarzo fama pri sia "Parco dei Mostri" (gigantaj statuoj de bestoj, nimfoj kaj satirusoj).

c. Tivoli kaj montetoj en la ĉirkaŭaĵoj de Romo: Tivoli (oriente de Romo) kun siaj famaj Vialoj Adriana kaj d'Este; Frascati, Grottaferrata, Marino Via dei Laghi, Ariccia, Castelgandolfo; ĉiuj famaj turismaj lokoj en la tiel nomataj "Colli Laziali" (montetoj de Lazio) kaj ĉe la famaj lagoj Albano kaj Nemi.

### DISTRAJ VESPEROJ

Pri la organizado de la distraj vesperoj gravaj malfacilaĵoj sin prezentas al LKK ĉar la salono de "Domus Pacis", bedaŭrinde, ankoraŭ ne havos rajton por tiusenca uzado: ĉiuj povas kompreni kiel multekosta povas esti la transportado de la gekongresanoj per privataj aŭtobusoj en Romo pro ĝiaj grandaj distancoj kaj pro la fakto, ke en Romo majo estas tre alta sezono.
LKK tamen esperas solvi iamaniere tiajn pezajn malfacilaĵojn.

### GLUMARKOJ

Prezo:
– po glumarko (oni devas tranĉi la paperon) L. 50 (italajn lirojn);
– po folio da 12 glumarkoj: (minimume) L. 500 enkalkulite sendokostoj (sendelspezoj).
Mendu ĉe la landaj sekcioj de I.F.E.F. (kien oni sendis kvanton da folioj) aŭ rekte al s-ro Gimelli (Via Donato Creti, 61 I-40128 Bologna, Italio).
Poŝtkonto por la pago: n-ro 19336403 - de IFEA - I 40128 Bologna - Italio.

**Noto de la Redaktoro:** Por aliaj informoj, bonvolu legi atente la "Ĝeneralajn Instrukciojn" en la aliĝilo (vidu IF 6/77 paĝoj 83-85).
Kromajn informojn - kaj la programon - ni esperas aperigi en IF 2.

LKK.

## SCIIGO AL LA LANDAJ ASOCIOJ KAJ KOMITATANOJ

Komence de decembro 1977, la ĉefkomitatano sendis la demandilon por jarraporto 1977 kun cirkulero al ĉiuj landaj asocioj de IFEF.
Se vi ne ricevis ĝin, skribu tuj menciante vian ĝustan adreson (preslitere) al la ĉefkomitatano:

Lucien De Sutter,
Chemin des Pins, 4,
B - 1180 BRUXELLES.

De Sutter,
ĉefkomitatano.

# TAGORDOJ POR LA KUNSIDOJ DE LA 30-a IFEF-KONGRESO

**1a kunsido Estraro/Komitato**
(nepublika)

1. Malfermo, konstato mandatoj
2. Diskuto pri estrarelekto
3. Honorigoj
4. Diskuto kongresproponoj
5. Diskuto buĝeto 1979
6. Evoluado en la orientaj landoj
7. Situacio de la junularo
8. Eventualaĵoj

**2a kaj 3a kunsidoj Estraro/Komitato**
(publikaj)

1. Malfermo, konstato mandatoj
2. Ricevitaj telegramoj, leteroj
3. Raportoj estraraj
   3.1. de sekretariino
   3.2. de redaktoro
   3.3. de kasisto
4. Protokolo Swanwick
5. Raporto pri komitata laboro
6. Resumo de raportoj landaj asocioj
7. Laborplano, i.a. skemo jarraportoj, ev. rezolucio
8. Rilatoj al aliaj organizaĵoj
   8.1. Raporto de komitatano A de UEA
   8.2. UK Varna '78, kontakkunveno, fakprelego
   8.3. UK '79
   8.4. FISAIC
9. Raportoj de komisionoj kaj komisiitoj
   9.1. Terminara komisiono
   9.2. Fakprelega komisiono
   9.3. Varbado-Informado-komisiono
   9.4. Historio-komisiono
   9.5. Korespondа servo
10. Situacio de la junularo
11. Estrarelekto
12. Kongresproponoj
13. Buĝeto 1979
14. Elekto de kongresloko '79 kaj kongreslando '80
15. Eventualaĵoj kaj libera diskutado.

**Tagordo por la kunsido de la Fakprelega Komisiono**

1. Evoluo de la fakprelega laboro
2. Raporto pri la pasinta periodo
3. Internacia kunlaboro kaj kompetentoj
4. Temoj kaj preparoj por la venontaj kongresoj
5. Diskuto kaj instigoj pri estontaj taskoj

Willi Brandenburg,
gvidanto.

**Tagordo por la kunsido de Terminara Komisiono**

1. Diskuto pri la jarraporto
2. Interkonsento pri la labortasko venontjara (laŭ Tradukprogramo)
3. Sugestoj kaj diversaĵoj
4. Traktado de dubaj terminoj (literoj H-L; F-G; T, P)

Lucien de Sutter, ĉefkomitatano,
surbaze de diskutoj kun TK-gvid.

**Tagordo por la kunsido de la Varbado/Informado Komisiono**

1. Ĝenerala agado de la V.I.K. en ĉiu lando
2. Rezultoj pri la agado-plano 1977/1978 starigita en SWANWICK (Vidu "I.F." n-ro 4-1977)
3. Diskuto de la diversaj punktoj de la ĉi supra agadplano
4. Proponoj, diskutoj kaj starigo de agadplano por 1978/1979.

Pierre Robiolle,
gvidanto.

## KONGRESPROPONOJ

**propono n-ro 1**

Nome de la IFEF-estraro prezidanto Giessner proponas:
La organo de IFEF denove portu ek de la jaro 1979 la tradician nomon "Fervoja Esperantisto".
**Komentario:** Jam ek de la jaro 1910 la organo de la tiama Internacia Asocio de Esperantistaj Fervojistoj (IAEF) nomiĝis "Fervoja Esperantisto". Tiu nomo krome multe pli trafe priskribas celon kaj karakteron de IFEF-organo, nome unue, ke ĝi pritraktas aferojn kaj estas organo de **esperantista** organizaĵo kaj due, ke temas pri organo de **fervojista** organizaĵo. La baza ideo estas "esperantisto", la aldona, klariga ideo estas "fervoja". Tute ne necesas akcenti, ke ĝi estas internacia organo, ĉar tion sufiĉe klare difinas la nomo "Internacia Fervojista Esperanto-Federacio" sur la titolpaĝo.

**propono n-ro 2**

La estraro de IFEF proponas altigon de la kotizo al 18,– danaj kronoj po membro valida ekde la 1a de januaro 1979.
**Komentario:** Dum la lastaj du jaroj la kalkulo montras deficiton, kiu estas kaŭzita ĉefe de la ĝeneralaj prezaltiĝoj kaj de la fakto, ke la dana krono malpli valoriĝis kompare al preskaŭ ĉiuj aliaj eŭropaj valutoj. La kapitalo de la federacio povas dum certa tempo elteni deficiton, sed necesas nun fini tiun evoluon. La estraro esperas, ke per la proponita altigo ni povos eviti novan kotizaltigon dum la venontaj 3-4 jaroj.

Lucien de Sutter,
la ĉefkomitatano.

## REDAKTORA RAPORTO

En 1977, via bulteno enhavis entute 96 paĝojn, iom pli ol en la antaŭa jaro. Tio signifas ke mi ne rajtas plendi pro manko de materialo; fakte, mi ricevis sufiĉe da artikoloj por plenigi 6-foje 16 pagojn.
Al la aŭtoroj de tiuj artikoloj inter kiuj mi ĝoje mencias s-inon Boulton, el Oxford, Membro de la Honora Patrona Komitato de IFEF, mi sendas miajn tre sincerajn dankojn.
Al tiuj kiuj ne ankoraŭ vidis la aperigon de siaj verkoj, mi petas pardonon kaj ŝatus klarigi al ili la kialon:
– unue, mi uzas prefere tion kio rilatas rekte al nia movado kaj mi devas prokrasti la restaĵon.
Esceptoj ja ekzistas, sed vi povas konstati ke vere ili ne estas oftaj.

– due, kelkaj tre interesaj artikoloj estas tro longaj. Mallongigi ilin mi ja povas, sed tio estas kelkfoje malfacila, ĉar, se temas pri tekniko, ekzemple, mi riskas forigi nevole ion esencan.

Aliflanke, mi ree plendas, kiel ĉiujare, pro tio ke iuj sekcioj neniam skribas al mi. Mi ne kredas ke ĉe ili nenio okazas; nur, ili volas ignori la bultenon. Se, hazarde, tamen, iuj responsuloj el tiuj silentaj sekcioj legas tiujn liniojn, ili konsciu pri sia manko.
Mi volas ankaŭ ripeti ke mi posedas hejme imponan stokon da revuoj, gazetoj en Esperanto (fervojaj aŭ ne); mi estas preta transdoni ilin al interesuloj. Simpla demando sur poŝtkarto al mi sufiĉas. Vidu la liston en IF 5/77 paĝo 69.
Fine, mi ĝojas substreki la bonegajn rilatojn kiujn ni havas kun nia afabla kaj kompetenta presisto, s-ro NEVAN, en Rotterdam. Labori kun li estas

## RAPORTO DE LA KASISTO POR LA JARO 1977

| **Enspezoj:** | | **da. kronoj** |
|---|---|---|
| Kotizoj | 31.564,52 | |
| postpagitaj | 831,10 | |
| antaŭpag. | 120,49 | |
| adoptaj | 352,82 | 32.868,93 |
| Kotizoj nepagitaj | | ⁒ 600,00 |
| Rentumoj | | 1.447,71 |
| Japana Fonduso | | 485,94 |
| Kongresa Garantia Fonduso | | 6.305,12 |
| | | 40.507,70 |
| Plielspezoj | | 6.418,27 |
| Sumo | | 46.925,97 |

| **Elspezoj:** | **da. kronoj** |
|---|---|
| Internacia Fervojisto | 33.102,44 |
| Estraraj kunsidoj | 2.826,69 |
| Administrado | 2.003,30 |
| Kotizoj UEA kaj SAT | 559,18 |
| Reprezentado | 995,64 |
| Japana Fonduso | 485,94 |
| Kongresa Garantia Fonduso | 6.305,12 |
| Diversaĵoj | 647,66 |
| | 46.925,97 |

## BILANCO JE LA 31.12 1977

| **Aktivoj:** | **da. kronoj** |
|---|---|
| Kaso | 1.474,38 |
| Poŝtĝiro | 8.620,22 |
| Konto Provinsbanken | 10.272,51 |
| Konto Praha | 1.713,12 |
| Kontoj Romanshorn | 23.351,90 |
| Nepagitaj kotizoj | 720,00 |
| Inventaro | 1,00 |
| | 46.153,13 |

| **Pasivoj:** | | **da. kronoj** |
|---|---|---|
| Kongresa Gar. Fonduso | | 11.162,27 |
| Japana Fonduso | | 4.429,76 |
| Jubilea Donacaĵo | | 1.907,75 |
| Havaĵo 1.1. 1977 | 35.071,62 | |
| Havaĵmalpliigo | 6.418,27 | |
| Havaĵo 31.12.1977 | | 28.653,35 |
| | | 46.153,13 |

Tolne la 21-an de januaro 1978
La kasisto:

H. HAUGE

Århus la 26-an de januaro 1978
La revizoroj:

R. MIKKELSEN
F.G. NIELSEN
I. KENSING



(daŭrigo de apuda paĝo)

agrabla tasko kaj, je la nomo de nia membraro kaj de niaj legantoj, mi deziras danki lin tre sincere.

La Red.



# UEA KAJ IFEF

En la pasintaj IFEF-kongresoj kelkfoje aŭdiĝis deziroj, iom konkretigi por la membraro la karakteron de la rilatoj inter Universala Esperanto-Asocio (UEA) kaj IFEF. Dum la plenkunsido en Swanwick mi promesis plenumi tiujn dezirojn. Jen mi provos doni la necesajn klarigojn!

UEA estas la ĉefa monda tegmentorganizaĵo de la esperantistaro. Ĝi havas landajn asociojn kaj individuajn membrojn en ĉiuj kontinentoj. UEA disponas pri reto de delegitoj en la tuta mondo, unika servo. Inter ili estas konsiderinda nombro de fakdelegitoj fervojistaj. UEA organizis ek de 1905 ĝis nun 62 Universalajn Kongresojn. Ĝia sidejo estas en Rotterdam. Ĝi estas gvidata de internacia estraro (nuna prezidanto estas d-ro Tonkin, Usono) kaj komitato kun proks. 70 membroj. Kun UNESCO UEA estas en konsultaj rilatoj. Por gardi la konvenan evoluadon de la lingvo, ekzistas la Akademio de Esperanto. Ĉiujare UEA eldonas jarlibron.

Krom landaj asocioj al UEA ankaŭ apartenas 22 Fakaj Asocioj, i.a. IFEF en la kategorio "aliĝintaj fakaj asocioj". La ĉefa celo de tiuj rilatoj estas, certigi sur la tereno de nia speciala fervoja fako la plej trafan evoluon kaj trakton de ĉiuj problemoj koncernantaj la Internacian Lingvon. La "fervojista lingvo", pli ekzakte la "fervojistaj lingvoj" (laŭ diversaj fervojaj fakoj) estas tiom komplika konglomeraĵo de diversspecaj, ofte teknikaj specialaĵoj, ke nur fakuloj kapablas prijuĝi la subtilajn diferencojn de la unuopaj terminoj. Jam tiu ĉi fakto rajtigas kaj necesigas la ekziston de IFEF kaj ties kunlaboron kun UEA resp. ties instancoj.

En la jarlibro de UEA aperas indikoj liveritaj de la asocioj mem pri la koncerna faka asocio, do ankaŭ pri IFEF. En la Universalaj Kongresoj (UK) UEA senpage disponas al ni salonon por nia kontaktkunveno. Kiel reprezentanto ĉe UEA ni havas nian specialan komitatanon A, nuntempe d-ron Phersy (Hungario). Li vizitas la respektivajn kunsidojn en la UK kaj tie raportas pri niaj problemoj kaj agado resp. traktas ilin. Laŭ neceso li korespondas kun UEA kaj raportas en la IFEF-kongresoj pri sia agado.

La estraroj de IFEF kaj UEA dum la jaro interrilatas preskaŭ regule, tamen laŭ bezono pri ĉiuj aktualaj problemoj kaj klopodas trovi solvojn. Ekzemple en la pola afero la kompetentaj estranoj de UEA ĉiam pretis helpi nin. Tio okazis(as) ankaŭ en aliaj kazoj.

Apenaŭ necesas akcenti, ke neniam la gvidaj instancoj de UEA provis aŭ eĉ nur intencis influi la gvidadon de IFEF. Ĉiam la "politiko" de IFEF ekskluzive estos farita de la IFEF-komitato kaj -estraro. Kaj tio restos same. Tio precipe validas por la strikta neŭtraleco ĉiudirekta.

Laŭ konvinko de la IFEF-estraro mondvasta asocio kiel eble plej potenca necesas, por atingi sur ĉiuj terenoj kaj niveloj la plej bonan efikon por Esperanto. Fakaj asocioj necesas por atingi plej fortan efikon sur fakaj terenoj. Jam el tiuj du konstatoj rezultas, ke ambaŭspecaj asocioj kunlaboru pro la intereso de la komuna afero, tio estas la internacia lingvo Esperanto.

Prezidanto,
J. Giessner



*Romo - La altaro de la Patrujo.*

## ESPERANTO KAJ FILATELIO

### ITALIO

Okaze de la 50-a datreveno de la starigo de la regado per la "centra direktado" por la trafiko de la vagonaroj ĉe la Itala Ŝtata Fervojo, oni okazigis la 4-an Filatelan Elmontron de "D.L.F. FILFER".
S-ro Gimelli gajnis pokalon.
La elmontro daŭris semajnon de la 4-a de decembro (tago de la solena inaŭguro kaj premiado) ĝis la posta dimanĉo. Okaze de la manifestacio oni uzis specialan poŝtstampon, kun speciala fervoja motivo, sur poŝtkarto per kiu la filatelia kaj numismatika klubo de "Dopolavoro Ferroviario" sendis bondezirojn ankaŭ esperantlingve.

Preskaŭ samtempe estis la 22-a Nacia "Bophilex" (fama kaj tradicia manifestacio) en Bologna, je la 4-a, 5-a kaj 6-a de decembro 1977.
S-ro Gimelli gajnis denove pokalon oferitan de la Asocio de Komercistoj de Bologna. La premiado okazis lunde la 6-an de decembro.

## INVITO AL:
## 63-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Varna (Bulgario) — 29.7. - 5.8. 1978
Konstanta adreso: Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando.
Adreso de la Loka Kongresa Komitato: Bul. Ĥristo Botev 97, 1303 Sofia.

## NEKROLOGOJ



### AŬSTRIO

En Linz ni perdis (pro grava malsano) la 3-an de decembro 1977 bonan amikon

**Alois Angermayr,** 78-jaraĝa.

Dum pli ol 50 jaroj li estis fidela Esperantisto kaj konata kiel "mond"-vojaĝanto. Malgraŭ sia aĝo li partoprenis multajn aranĝojn kaj ĉiam interesiĝis pri niaj aferoj. Kiu havis la bonŝancon konatiĝi kun li, funebras pro perdita amiko.
Al la familio ni sincere kondolencas.

IFEF-estraro.

### NEDERLANDO

Je la 21a de novembro 1977 forpasis en Groningen nia maljuna amiko

**H. v.d. WAL**

en la aĝo de 83 jaroj.
Lia simpatia persono certe restos ankoraŭ longe en nia memoro.

### ITALIO

La 31an de decembro 1977 forpasis en Casale Monferrato en provinco Alessandria nia plej malnova membro:

**Angelo ZORATTI,**

emerita fervojisto, kavaliro de la ordeno "Vittorio Veneto". Pro sia konduto, dum la unua mondmilito, li gajnis honorigon. Li loĝis longe en Udine kie li estis disĉiplo de nia pioniro "Achille Tellini" kaj estis unu el tiuj italaj fervojistoj Esperantistoj kiuj aktivis jam antaŭ la unua mondmilito.

P. i. **Giovanni CARCIOTTO**

mortis en Scandicci (Firenze). Fervojteknikisto ĉe la Trakcia Servo de Ŝtataj Fervojoj. Li deĵoris ankaŭ en Trieste kie li Esperantiĝis dum la jaro 1957-1958.



## ALTA DISTINGO POR INGVARD KENSING

(Honora Membro de IFEF)

Nia meritplena dana kolego Ingvard Kensing en novembro 1977 ricevis flanke de la Dana Fervojista Sporta kaj Libertempa Asocio (DJIF) "Aages Pokal".
Tiu pokalo estas ĉiujare donata al persono, kiu hejme kaj parte kaŝe, grave laboras por sia asocio kaj por DJIF).
Plej koran gratulon al nia tre aktiva kolego, kiu vere laboras sen bruo kaj sen perdi multe da vortoj.

IFEF-estraro

## TERMINARA LABORO INTER LA KONGRESOJ

Jam por la tria fojo okazis interkongresa kunveno de terminar-kunlaborantoj.
Laŭ invito de la nederlanda respondeculo (k-go Broekman) la kunveno okazis je la 19-a kaj 20-a de novembro en la naturamika domo "De Bosbeek" en Bennekom (NL).
Partoprenis 11 kunlaborantoj el Finnlando, Germanio, Francio, Belgio kaj Nederlando.
La vetero ekster la domo estis terure malbona (bedaŭrinde por la edzinoj!) sed la laboro en la domo progresis fruktedona.
Gvidis la kunsidojn k-go Hartig kaj sekretario estis k-go Ritterspach. Diligente kaj kompetente la ĉeestantoj disputis pri la terminoj laŭ la diskutfolioj.
Entute 10 horojn ni laboris dum tiu semajnfino en ege trankvila sfero.
La protokolo aperis en la "T.K.-Kuriero" n-ro 10 (12) 77.

La I.F.E.F.-estraro ege ĝojas pro la fakto ke tiom da kompetentaj kunlaborantoj estas pretaj daŭrigi tiom gravan laboron ankaŭ dum la periodo inter la kongresoj.



## ALVOKO!

La Korespondа Servo informas ke ĝi ricevis multajn korespondpetojn de Orientaj landoj por Belgio, Nederlando, Anglio, Danio, Norvegio, Svedio, ĉiuj nordaj landoj, same por la sudaj landoj, Jugoslavio, Italio, Hispanio.
Petu la adresojn de tiuj kolegoj kiuj ŝatus korespondi kun vi, pri ĉiuj temoj, eventuale interŝanĝoj, amikeco per esperanto, tiel vi multe helpos al la Koresponda Servo.
Aliĝu senpage, sed aldonu francan p.m. aŭ respondkuponon, indikante: Nomon, adreson, aĝon, dezirojn, k.t.p. al: Fervoja Koresponda Servo, 76 rue Bataille, 69008 LYON, Francio.



*Vartransporto per trajno. Foto:* Intercontainer.

# FERVOJAJ INFORMOJ

## HINDUJO

La plej granda ŝtata entrepreno en la Hinda respubliko estas fervojo. Ĝi okupas preskaŭ 1,5 milionojn da homoj kaj po tage transportas preskaŭ 7 milionojn da vojaĝantoj kaj 550 000 tunojn da ŝarĝoj.

## HUNGARIO

En Hungario, en pasintjaro rekonstruiĝis 310 km da fervojlinioj. Samtempe oni daŭrigis konstruadon de la nova sekuriga kaj komunikada instalaĵo en la valoro de 400 milionoj da forintoj. Komencis rekonstruado kaj plilarĝigo de la stacio Budapeŝto-sudo. Ankaŭ estis malfermita rekonstruado de la nova stacio Eger. Samtempe oni pasintjare plilarĝigis parkon de la pelaj veturiloj MÁV per 40 elektraj kaj motoraj lokomotivoj, 160 personaj kaj 2800 ŝarĝvagonoj.

## VIETNAMO

"La reloj ligas landojn . . ."
La fervojo "Unueco".
En Vietnamio, post la longjara milito, oni rapide forigas domaĝojn. Ankoraŭ pasintjare estis ekuzata nova fervoja linio, simbole nomita "Unueco". Ĝi ebligas interrilaton inter urbo Hanoi kun Urbo de Ho-ĉi-min (estinta Saigon). La renovigo de ĉi tiu linio - 1729 km longa kaj ĝia kuntrafikado signife kontribuas al praktika paca unuiĝo de ambaŭ partoj de Vietnamio.

## S.U.K. 1978 EN LIEĜO.

**Studobjektoj: astronomio, psikologio, internacia literaturo.**
Interesiĝantoj povas kontakti la jenan adreson: Someraj Universitataj Kursoj, BP 9, B - 4000 LIEGE X.

## GRAVAJ ENHAVAĴOJ



**La redaktofino por la venonta IF estas 10.3.1978.**

Grafika kaj teknika prizorgo: *Grafika Studio Nevan,* Rotterdam.